5a Jaro 1907-08 N° 44 JANUARO

# Espero Katolika

*REVUO MONATA EN ESPERANTO*

(Honorata per Apostola Beno de Pio X-a, 27-an de Junio 1906)

**RELIGIO. — FILOZOFIO. — HISTORIO. — SOCIOLOGIO LITERATURO. — ARTO**

**REVUO DE REVUOJ. — BIBLIOGRAFIO. — 'SAKOJ**

« Unum ovile et unus pastor.» (Joh. X, 16,) «Unu ŝafaro kaj unu paŝtanto.»

## ARTIKOLARO



## REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO

'Ĉe la Direktoro : **P-o Em. PELTIER**
**Sainte-Radegonde** (Indre-et-Loire) **France**

*Manuskriptoj neniam estos resendataj.*

**Por la** FRANCAJ **poŝtmandatoj la Poŝtoficejo estas** SAINTE-RADEGONDE **; por la** NEFRANCAJ **la poŝtoficejo estas** TOURS.

'Ciuj verkistoj estas persone respondaj pri siaj artikoloj. La Revuo estas responda nur pri artikoloj subskribitaj de la Direktoro — E. K. estas malfermata por ĉiuj personoj kaj por ĉiuj demando (escepte la politikaj).

## KONDIĈOJ DE ABONO

*Abono jara* : 5 fr. (2 Sm.). — En Francl. 4 fr. (1 Sm. 60).
*Unu numero* : 0 fr. 50, afrankite, (20 Sd.)

Abonoj estas akceptataj nur por tuta jaro. Komencaj datoj : oktobro, januaro aŭ marto. La Revuo ne aperas en aŭgusto nek en septembro. Poŝt-kuponoj internaciaj estas akceptataj.

## ABONEJOJ DE E. K.

FRANCLANDO : 'Ce la Direktoro de E. K. — 'Ce la Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, *Paris-V*. — 'Ce librejo Warnier kaj Ko, 15, rue Montmartre, *Paris*.
ANGLOLANDO : British Esperanto Association, 13, Arundel Street, Strand, *London, W. C.*
BOHEMUJO-AUSTRIO : F. Topič, libr. Ferdinandova, 9, *Praha*.
CILILANDO ; S-o Luis E. Sepulveda Cuadra, Casilla 1679, *Santiago-Chili*.
GERMANLANDO : Moller & Borel, 96, Prinzenstr., *Berlin*.
HISPANLANDO : S-o A. Jimenez-Loira, Paterna, *Valencia*.
HOLANDUJO : S-o H. B. van ZWET, Heerenweg, 51 bis, *Utrecht*.
HUNGARLANDO : S-o Endra Varju IV, Kigyo, U, 62. em. 14, *Budapesto*.
ITALLANDO : S-o Jakobo Bianchini, *Fontanafredda de Pordenone* (Udine).
LITOVUJO : P-o A. Dombrowski, en *Kovno*, Rusujo.
NOVA ZELANDO : S-o A. J. Burges, libr. Devon Street, *New Plymouth* (New Zealand).
POLUJO : Arct. libr. Nowy Swiat, 53, *Warszawia*.
PORTUGALUJO : D-o Malato, 37, Clerigos, *Portalegre*.
RUSLANDO : Societo Espero, Bol. Podjaceskaja, 24, log. 19. *S. Peterburgo*.
SVISLANDO : Librejo Garin, 20, rue Corraterie, *Genevo*.

---

*ATENTU! Sur la koverto de l' unua numero post la fino de l' abono estos stampata :* Via abono finiĝis kun la lasta n-o.

ANONCOJ. — Ni ricevas grandajn anoncojn nur por UNU JARO (10 n-oj). Tuta paĝo kostos 100 frankojn; — 2-on-paĝo : 50 fr.; — 4-on-paĝo : 25 fr.; — 8-on-paĝo : 15 fr.; — 16-on-paĝo : 8 fr. — *Por anonci en E. K., sin turni al S-o G. Warnier, 15, rue Montmartre, aŭ al la Direktoro de E. K.*

Ĉiu *abono* donas rajton por *anonceto* da 5 linioj dum *tuta jaro* (10 n-oj).

*Manuskriptoj kaj leteroj pri E. K. estu sendataj nur al la Direktoro.*

---

ESPERO KATOLIKA

*HONORATA PER APOSTOLA BENO DE PIO X-a*

*la 27-an de junio 1906*

Sinceraj kaj koraj bondeziroj
de *ESPERO KATOLIKA*
al ĝiaj legantoj, por la Nova Jaro

## POR KIO UTILOS ?

Kiu el ni ne aŭdis tiun respondon multfoje, kiam li klopodis por gajni adepton al Esperanto ?

Tiu respondo estas la plej grava kontraŭdiro, plej granda barilo al la propagando. Nia epoko konsideras antaŭ ĉio la *utilecon* de afero. Se entrepreno povas utili al ia kategorio de personoj, ĝi certe prosperos. Se la utileco estas nur *espero*, realeco *nur estonte* atingebla, la entrepreno renkontos indiferentecon.

Ne sufiĉas diri tio tre utilos al la homidaro. Ho ve ! nur tiuj, kiuj konservis ian idealon, ŝatos tian argumenton. Sed *praktika* homo ridetos kaj diros « Mi atendos, ĝis kiam via entrepreno povos doni profitojn ! »

Kiam ni volas propagandi inter la Katolikoj, laikoj aŭ pastroj, la kontraŭdiro estas preskaŭ ĉiam « Por kio utilos al mi ? » Kaj kion respondi ? Al misiistoj ni diras « Estus multe pli facile instrui la negrojn pri Esperanto ol pri ia nacia lingvo. Vi do ŝparus multon da peno kaj

tempo por konverti ilin, se vi uzus lingvon internacian. Plie vi iras en landoj, kie vi renkontas multajn fremdulojn, kun kiuj vi ne povas paroli, — Jes, ili diras, kiam la fremduloj konantaj Esperanton estos sufiĉe multaj, ni lernos Esperanton! »

Ni provas montri al la komercistoj kaj industriistoj la utilecon de Esperanto por ili. Ili faras la saman respondon.

Kaj kion ni diros al la ĝenerala amaso de katolikoj? Por kio utilos *nune* al ili lerni lingvon internacian?

Ni ricevis malĝojan leteron de pastro, kiu provis interesi junulojn pri Esperanto. Li venigis profesoron, li kreis klubeton, li kondukis kelkajn junulojn al Cambridge. Tamen la junuloj restas indiferentaj, nefervoraj, ĉar ili ne vidas *por kio utilos* al ili la lerno de Esperanto.

Ni longe meditis pri tiu temo, longe serĉadis utilan celon por katolikoj. Tiu medito instigis nin al la fondo de nia Presejo por publikigi librojn, broŝurojn kapablajn interesi la tutan katolikaron. Sed tiu tre speciala utileco ne sufiĉas. Multegaj estas tiuj, kiuj ne kontentiĝas per legado, sed vivas nur per agado. Ni devas serĉi kiamaniere Esperanto povas utili sur la kampo de agado.

Ni pensas ke la *Societo Katolika Internacia* liveras al ni tiun rimedon. Kial ne krei specialistajn sekciojn en ĝi? Ni imagas ekzemple, ke *socialaj enketoj*, laŭ katolika vidpunkto, estus plej forta allogilo, kaj tre utilus al la personoj, kiuj volus enskribi sin en la fako *Socialaj enketoj*. La sekcio havus sekretarion, al kiu oni sendus la rezulton de enketoj. Li farus *resuman raporton* legotan en la kunsido de S. K. I., dum la proksima kongreso. La sekcio klopodus por federigi, per lingvo internacia, la naciajn grupojn de katolikoj, kiuj laboras pri sama celo. Tiuj grupoj interkorespondus por komuna agado en ĉiuj landoj. Jen vera utileco de lingvo internacia.

Ĉar tio estas nur ekzemplo, sama plano konvenas por aliaj fakoj. Kaj ni povus karesi la grandan revon de

Internacia Kongreso de Katolikoj, per he'po de lingvo internacia.

Mi tre deziras, ke la legantoj de E. K. faru al ni proponojn pri tiu plano, komuniku al ni siajn ideojn, kaj helpu nin por la realigo.

Ni faru, ke lingvo internacia *estas utila* jen la *sola* rimedo por varbi anojn ; jen la sola respondo al tiu teda, ĉiam redirata kontraŭdiro « Por kio utilos ? »

La Direktoro.

N.-B. — Ni intencas fari la *Jarlibron* de niaj Katolik-Esperantistaj Societoj plej interesplena kaj *utila.* Ni do petas, ke oni ĉiam konigu sian profesion kun adreso. Krom la nomaroj de la diversaj societoj, la Jarlibro enhavos multajn interesaĵojn. Rapidu sendi informojn. Em. P.

## HO, TIUJ PASTROJ !

Estis iam profesoro de Historio, kiu kutime ornamis sian parola lon dirante La pastroj taŭgas por nenio ; pli precize, la pastroj malamas sciencon, arton, kaj ĉian progesadon ; pensu nur al la mallumaj mez-jarcentoj. Tiam regis ĉiupove la pastroj kaj la monaĥoj.

Post la fino de la lecionhoroj iam alvenis al li studento, juna homo, lerta, ne facile fortirebla de siaj propraj ideoj kaj ĉiam preta por fari amuzaĵojn. Li sin direktas al la profesoro kaj diras al li : « Profesoro, ĉu vi bonvolus solvi por mi kelkajn dubojn, kiuj leviĝis en mia kapo, dum mi ĉeestadas viajn lecionojn ?

— Kial ne, amiko ! Kun granda plezuro ! Demandu kion vi volas !

— Estas nur kelkaj demandoj, profesoro. Kiu do konservis por ni la malnovajn klasikojn ? Kiamaniere ili ne estas perditaj, kiam la barbareco superfluadis la tutan civilizitan mondon ?

— Monaĥoj kopiis la klasikojn en la monaĥejoj kaj tiamaniere ilin konservis por ni.

— Kio ! Monaĥoj ? !

— Jes, monaĥoj, kaj precipe la Benediktinoj.

— Do monaĥoj kopiis tiujn malnovajn dokumentojn kaj konservis ilin por la posteularo ? Tio sendube estis tr enua laboraĵo, ĉu ne ? Kaj sekve, eble ili malsaniĝis en la libraj polvoj ?

— Jes, vere ; estis en tempo kiam la reĝoj kaj princoj ne povis skribi eĉ sian propran nomon.

— Strangaj tempoj kaj mirindaj monaĥoj, al kiuj plaĉis deskribi litero post litero Livius, Caesar, Cicero, Virgilius, Tibullus, Propertius, Ovidius kaj aliajn. Kaj kian aspekton havis la libroj ?

— Ili estis tiel bele skribitaj, kavazaŭ ili estus presitaj. kaj la ĉefliteroj estas vere artaĵoj.

— Ho ! tiuj monaĥoj ! Diru, profesoro, ĉu estas vera. ke ni ne havus Columbus kaj Vasco de Gama, sen tiuj pastroj ? Oni diras, ke monaĥo, Mauro nomata. faris en la jaro 1450 la celebran mar-karton, kiu vekigis Columbus.

— Tio estas vera, sed ĉia aliulo povis fari tiun mar-karton.

— Nature, sed kial nur la pastroj havis tiujn geniajn pensojn ? Mi legis ankaŭ, ke ia Papo anstataŭis la malbelajn romanajn ciferojn per la belaj Arabaj ciferoj. Papo Sylvestro II faris tion.

— Ĉia aliulo povis tion fari, se l la Papoj metas sin ĉiam sur la antaŭaĵo.

— Vere ? Oni diras ankaŭ, ke ia pastro eltrovis la teleskopon kaj la mikroskopon.

— Sendube tio ne estas vera. Ho ! tiuj pastroj ! Ili havas pretendojn pri ĉio !

— Vi eraras, profesoro, estas tute vera. Franciskano, Roger Bacon, eltrovis tiujn instrumentojn.

— Vi forgesas ke li estis moderna Franciskano kaj ne unu el tiuj monaĥoj el la tempo de la malsprituloj. Kiam vivadis via Bacon ?

— Li mortis en la jaro 1292. Li ja estis tre frue moderna, ĉu ne? Antaŭ nelonge mi legis ankaŭ pri tiu, kiu publikigis la *unua* la teorion, ke la suno estas senmova kaj la tero turnanta. 'Cu vi ne konas tiun ĉi, profesoro?

— Certe, tiu estis Copernicus?

— Ne, la honoro ne alvenas al tiu ĉi pastro. Preskaŭ cent jaroj antaŭ Copernicus instruis tion la Episkopo de Regensburg, nomata Regiomontanus, en la jaro 1476!

— Povas esti.

— Bonvolu pardoni min. Kial oni nomas la jarcenton, en kiu senĉese floradis kaj brilegis la sciencoj, la artoj kaj la literaturo, la ora jarcento de Leo X-a?

— Nu. kial?

— Tial, ke Papo Leo X-a estis fervora defendisto de scienculoj, artistoj kaj verkistoj!

— Mensongo! Kio! Leo, ia Papo, estus samtempe defendisto de ĉiuj venkoj de la civilizacio? Knabo, ŝajnas, ke vi volas moki min.

— Tute ne, profesoro, estas nur duboj, grandaj turmentantaj duboj. Mi ja tre amus iri al la pastroj, por rakonti al ili, ke ili nur estas malscienculoj, sed tiuj ĉi duboj senĉese maltrankviligas min. 'Cu estas vera, profesoro, ke De la Salle malfermis la unuan liberan lernejon?

— Jes, tion faris la Franco De La Salle.

— Vi devas diri la *pastro* De La Salle, la *pastro*. Kaj ĉu vi ankau scias ke la unua, kiu sin okupis pri la surdmutuloj estis Pedro de Ponce, kaj post li, de L'Epée?

— Jes, la Hispananoj (!) de Ponce kaj L'Epée.

— Ho, profesoro, kial vi ne diras la *pastroj* de Ponce kaj L'Epée? Pardonu min, sed ne estas mia kulpo, ke la pastroj senĉese maltrankviligas min en la Historio. Mi legis ankaŭ, ke la monaĥo Berthold Schwarz eltrovis la pulvon; monaĥo Guido d'Arezzo la gamon kaj la fundamenton por la reguloj de la harmonio; monaĥo de Tegernsee, en Bavarujo, en la jaro 1000, la vitropentrarton: Jesuito Cavalieri en la jaro 1747 la polikromion kaj la Jesuito Secchi la spektral-analizon.

— Haltu! Haltu! Mi nun bone komprenas, ke vi mokas min! Fondro kaj fulmo!

— Ho jes, mi preskaŭ forgesis, ke ne estis Franklin, kiu eltrovis la unuan fulmoforkondukilon, sed pastro Procopius Divisch, en la jaro 1759. Ankaŭ Kurschner pruvas tion en sia « Konversationslexion ».

— Fermu vian buŝon, babilulo!

— Ho, la plej granda lingvisto de nia jarcento estis sendube Kardinalo Mezzofanti!

— Mi havas sufiĉe de via malsaĝa parolado. Foriru!

— Kien? Pastro Gurra diros tion al ni, ĉar li eltrovis la kompason en la jaro 1300.

— Via cerbo bruliĝas!

— Ho, se mi bruliĝas, mi devas postuli la brul-estingilon, por ke mi ne iĝu ruino! Estis Cistercienzaj monaĥoj kiuj uzis la unuaj la brul-estingilon, kaj la Parizaj Kapucinoj estis la brul-estingistoj de Parizo ĝis la komenco de la 17a jarcento.

— Se vi ne tuj... silentas, mi faros vin flugi en aeron!

— En la aeron? Bone! La unuan aerolevilon eltrovis 60 jarojn antaŭ Montgolfier la monaĥo Berthold Gusmas, kiu en la jaro 1720, en la ĉeesto de la tuta Portugala Kortego, leviĝis en aero. Kio! Vi frotas vian okulvitron, Profesoro? Ankaŭ la okulvitron eltrovis pastro, la Dominikano Alexander Spind, en la 13-a jarcento.

Ĉu vi ne havas multe da tempo, aŭ kial vi rigardas vian poŝ-horloĝon? Tion vi ne devas fari. La horloĝo estas ankaŭ eltrovo farita de pastroj. Ni ŝuldas la unuan poŝhorloĝon al la Eklezia Historio-skribisto Cassiodorus (jaro 505), plibonigita poste de Papo Silvester II, pri kiu ni jam parolis. La unuan stelo-artan horloĝon faris en la jaro 1316 la abato Rigard Wallingsord.

— Mi foriras, la gaslumo jam bruliĝas.

— Aŭdu nur tion ĉi, profesoro! Estas eble nekonata de vi, sed mi supozas ke la Jesuitoj, kiuj estas de ilia naskiĝo lum-malamantoj, eltrovis la gason. Jesuitoj jam uzadis la gason en Stonyhorst (Anglujo) en la jaro 1792, kaj

la Jesuito Dunn fondis en la jaro 1815 la unuan gasfábrikejon en Preston. Vi fartu ĉiam bone, profesoro, bonvolu pardoni min ! Kio ? Vi havas ankaŭ biciklon ? Tion eltrovis pastro Painton, kiu ĝin jam uzis en 1845 !

Bonan nokton, profesoro. Ree mi petas vian pardonon, sed kio estas vera, restadas vera. Ke la Historia ekzamenisto ĉiam serĉu la veron !

Kaj la studento denove diris Bonan vesperon, profesoro ! Sed la profesoro silentis !...

El Holanda lingvo tradukis

J.-A.-W LUNEMAN.

## *LA VIVO DE L' KATOLIKISMO*

### FAKTOJ.

*KONGRESO KONTRAU-SKLAVA* okazis en Italujo (decembro). 'Gi estis malfermata per letero de Kardinalo Merry del Val.

Barono du Teil salutis la francan Societon kontraŭsklavan, rememorigis, ke ĝi iniciatis la batalon kontraŭ la « dormiga malsaneco », iniciatis ankaŭ, en la Algesiras'a Konferenco, la rimedojn uzatajn kontraŭ la sklaveco en Maroko.

Poste Barono du Teil parolis pri la « liberaj vilaĝoj », pri kiuj Monsinjoro Scialdoni, Sekretario, donis pliajn klarigojn.

La merkredon 4-an de decembro, Pio X-a akceptis la Kongresanojn kaj gratulis ilin pri l'agado de l'Asocio. Li montris ke sklaveco necese rezultas de l'manko de moraleco kaj frateco. « Kiam la homo lasas sin al la influo de egoismo, al pasioj kaj plezuroj, li oferas la aliajn homojn al siaj kapricoj. Sklaveco reprezentas tiamaniere la ribelon kaj anarkion kontraŭ la humaneco tio pruvas ke la civilizeco humana bezonas povon sufiĉe fortan por

potenci la homajn pasiojn sub la jugo de sociala justeco kaj aŭtoritato. »

Fine Pio X-a parolis pri la misiistoj, kiuj ricevas multajn suferojn, eĉ morton, por helpi siajn fratojn sklavojn.

*Deziroj de l'Kongreso* Oni signalas al la Registaroj interesataj, ke la pretenditaj pilgrimoj de Musulmanoj, kiuj okazas ĉe la landlimo de Franca Sudan', estas vere sklavaj anaroj. — Pri la liberigaj leteroj, liveritaj de l'Turkaj konsuloj, la diplomatio estas petata memorigi al la Turkaj aŭtoritatoj, ke la negroj ne estas « Turkanoj », nek submetataj al la Turka aŭtoritato. — Oni deziras, ke la registaroj dediĉu monon, kaj ĝin sendu al la konsuloj, por resendi la sklavojn en ilia patrujo, aŭ por faciligi kolonizadon al la liberigitaj sklavoj.

*JAPANUJO*. Per siaj venkoj, sia civilizacio, Japanujo altiras la atenton de l'tuta mondo. En Ekstrem-Oriento ĝi havas situacion nepre « unikan ».

Miloj da Kore-, Hin-, Filipin-, Siam-, Indianoj iras ĉe la Japanoj por studadi literaturon, sciencojn, artojn komerçon, medicinon, politikon. Tiu alfluo estas tute justigata pro la prospero de Japana instruado.

. La unua-gradaj lernejoj kalkulos pli ol 5 milionojn da lernantoj.

Bedaŭrinde, inter 50 milionoj da loĝantoj, estas nur 60,000 katolikoj, en Japanlando. Oni komprenas facile, ke konverti Japanlandon estas havi potencan apostolon en Ekstrem-Oriento. Sed estas nenia dubo, ke fremdaj pastroj malfacile sukcesos konverti Japanojn. Oni devas serĉi misiistojn en la lando mem : oni devas do multobligi Japanajn pastrojn, religiulojn, katekistojn, kristanajn instruistojn.

Por tiu celo la « Societo de Mario » fondis apostolan lernejon en Urakami. Tiu urbo estos en la centro de l'malnovaj kristanejoj. Tie vivadis admirindaj familioj, kiuj konservis la Fidon dum jarcentoj, eĉ sen pastroj. La bieno, kie la lernejo estos konstruata jam estas aĉetita, sed la Misiistoj bezonas monon por la konstruo. Tiuj, kiuj inter-

esiĝas pri tiu bonega katolika agado, povos sendi monoferojn al la Direktoro de E. K., aŭ al R. P. Lebon, 48, Bd des Archers, Nivelles (Belgique).

*RUSLANDO*. La informoj pri la Episkopo de Vilna estas bedaŭrinde tro veraj. La Rusa registaro ekzilis M-ron Ropp, kaj nun persekutas la katolikojn en tiu diocezo. Ĝi postulas ke la katolikoj elektu administranton. Sed tio apartenas nur al la Episkopo mem. Tial la registaro formis mem administrantan konsilantaron, kiu havis la taskon elekti administranton. Oni konsentis limon da unu monato por tio. Sed la konsilantaro rifuzis obei.

Lastaj informoj diras, ke la tuta konsilantaro estos ekzilita, kaj eĉ la vasta diocezo dividata inter aliaj proksimaj diocezoj. La katolikaj atendas kaj timas la persekutadon. — Kie estas la liberecoj promesitaj, proklamitaj per leĝoj ! Malfeliĉa lando !

*POLUJO*. La Germana registaro anstataŭis S-o Rotchan, ambasadoron apud la Vatikano, per S-o Mühlberg. La katolikoj pensas, ke tiu ŝanĝo celas favori la « germanizo » de Polujo. La liberala ĵurnalaro germana laŭdegas la sperton kaj klerecon de S-o Mühlberg, kaj ili reprezentas Pion X-an, kiel pli malamiko de la « germanizo » ol Leo XIII-a mem.

Neniu miros, ke la milda Pio X-a kontraŭ-staras projekton de maljusteco kaj perforto. Oni scias, aliparte, ke la diocezo Posen restis tre longe sen episkopo, ĉar la Sankta Sidejo absolute rifuzis akcepti episkopon Germanan, kiel posteulo de M-ro Stablewski.

*HINUJO*. Antaŭ kelkaj semajnoj, Episkopo Merel, kiu loĝas en Hinujo de 26 jaroj, vizitis Franclandon, kaj liveris interesajn informojn pri sia diocezo, tiel vasta, kiel Franclando.

La diocezo enhavas 25 aŭ 30 milionojn da loĝantoj. Canton, episkopa urbo, enhavas 1.500.000 homojn.

En 1901, oni kalkulis en la diocezo 44.000 kristanojn, 57 misiistojn eŭropanajn, 15 Hinajn pastrojn kaj 45 seminariistojn.

Hodiaŭ en ĝi estas 65.000 kristanoj, 72 misiistoj, 20 Hinaj pastroj, 70 seminariistoj.

Ĉiujare 10.000 infanoj estas baptataj antaŭ minacanta morto.

M-ro Merel estas tute konvikita, ke Hinujo « vekiĝas », skuita per la bruaj venkoj de ĝia juna frato, Japanujo. La Hinoj deziregas instruiĝi pri religio, filozofio, sciencoj. Ili iros al tiuj, kiuj povos kontentigi sian deziregon.

La misiistoj bonege komprenis tion, kaj malfermis kolegion en Canton. Post tri jaroj, la lernejo enhavas jam 200 lernantojn : kelkaj el ili estas tre junaj (7-jaraj) ; aliaj estas famili-patroj 25 aŭ 30-jaraj !

Ĉu tio ne estas vere civiliziga laboro ?

Kial do la Franca registaro ne volas plu helpi per mono la misiistojn ?

*AUSTRUJO.* Granda diskutado okazis en la Parlamento. Malamikoj de katolikismo, kies ĉefo estas Profesoro Masaryk, estis venkataj per akcepto de la propono de pastro-deputato Drexel : « La Parlamento voĉdonas por la libereco scienca, kaj samtempe por la libereco konscienca en la Universitatoj, malaprobante ĉiujn atakojn kontraŭ ili, el kia ajn flanko ili venos ».

Nun oni plu revidos la skandalojn, kiuj malkvietigis la Universatojn de Wien, Gratz, Inspruck, kie la katolikaj studentoj ne povis ĉeesti sen ricevi insultojn kaj... batojn de la aliaj studentoj aprobitaj de l'Universitata aŭtoritato.

### Ideoj.

*AMERIKO.* Sub la regado de Prelato Kennedy, Direktoro de l'Seminario de Nord-Ameriko, grupo de katolikoj Amerikanaj komencis grandegan entreprenon : katolika Enciklopedio kiu plenigos 15 grand-formatajn volumojn. *The Catholic Encyclopedy* egalos la faman *Kirchenlexicon* germanan, kaj eĉ enhavos plie ilustraĵojn. 'Gi estas publikagata de Robert Akleton Company, New-York. La unua volumo jam aperis. Pio X-a gratulis admire Episkopon Kennedy pro tiu bela entrepreno.

# SOCIALA KRONIKO

### *MALSATIGAĴ SALAJROJ*

La situacio de la virinoj laborantaj hejme estas ploreginda : ili laboradas dum longaj horoj, ili trolacigadas; tamen ili ricevas salajrojn pli kaj pli malgrandajn.

El faktoj kaj ciferoj oni tiras la plej elohventajn argumentojn, kiuj sufiĉas por atesti la malamindan trouzon pro kio suferas la laboristinoj, kaj por konvinki la publikan opinion pri la neceseco de neprokrastebla kaj fortega universala agado :

| | |
|---|---|
| Dekduo da tolaĵaj pantalonoj estas pagata | 1 fr. 85 |
| Dekduo da someraj subjupoj | 2, |
| 12 subjupoj por kiuj laboristino laboras 15 horojn | 0 fr. 90 |
| Dekduo da infanaj roboj | 1, 80 |
| 12 dekduoj da virinaj ĉemizoj (144...) | 15, |
| Unu paro de lit-tukoj borderataj kun tirata-fadenoj | 1 fr. |

Dekdu infanaj ĉapoj postulas 10 horojn da laboro kaj estas pagataj ĉirkaŭ 0,75 kaj 0,90.

Virina antaŭtuko estas pagata 0,30 al laboristino, kiu povas fari nur du ĉiutage.

Tio faras tagan salajron je 0 fr. 60

Plie la laboristinoj devas aĉeti fadenon kaj kudrilojn. Tio estas sufiĉe malĝaja; sed estas ankoraŭ pli malfeliĉaj laboristinoj ili trolaciĝas por gajni *nenion*.

Vero povas kelkafoje esti ne verŝajna.

La firmo kiu donas al ili laboron devigas ilin aĉeti al ĝi la materialon necesan por la laboro, kaj kiam ili alportas la kudritaĵon, ili ricevas nenion, ĉar ili ŝuldas pli ol ili gajnis...

Aliaj firmoj donas stebilon, kiun virinoj devas pagi per laboro. Post du monatoj, la firmo diras ke ĝi ne povas liveri laboron, ĝi reprenas la stebilon.

Malfeliĉulino laboradis por nenio...

La salajroj pli kaj pli malgrandiĝas. Dum monatoj oni ne povas trovi laboron. Oni devas akcepti tiujn pretendatajn restaĵojn kiuj aĉetantoj amas havi por kvazaŭ « nenio », kiel ili diras nekonscie.

Estas vere ke la enketo, kiun ni resumas, estas farita nur en Francujo; sed, la malbono estanta universala, la kuracilo devas esti serĉata en ĉiuj landoj.

Ni petas ĉiujn geesperantistojn, ke ili serĉu en ilia lando ĉu oni klopodas kontraŭ tiu sociala malbono. Estus, ultile, ke oni interrilatiĝu kun similaj movadoj eksterlandaj.

En Parizo la *Ligue sociale d'Acheteurs*, 28 rue Serpente (Sociala ligo de aĉetantoj), preparas ekspozicion de tiuj « malkaraj » laboraĵoj kaj bataladas por tiuj ideoj.

*Le Sillon*, 34 Boulevard Raspail, deziras unuigi la laboristinojn por ke ili ne malgrandigu ankoraŭ pli la salajrojn, per konkurenco mutuala. En Aprilo, okazos Internacia Kongreso por pritrakti tiun intersantan demandon. Estas dezirinda ke eksterlandanoj venu aŭ almenaŭ sendu komunikaĵojn al tiu Kongreso.

Oni servos samtempe la kaŭzon de Esperanto kaj la interesojn de malriĉaj laboristinoj, ĉar oni pruvos la *utilecon* de nia kara helpanta universala lingvo.

L. Polart.

Sendu informojn kaj dokumentojn, al S-o L. Polart, rue Mozart, 44, Paris.

## KRISTNASKA RAKONTO

— Diru al ni kristnaskan rakonton, avo, vi kiu tiel bone scias rakontadi.

— Mi tre malbone rakontas, mia imago estas negranda, mia memoro, kiel por ĉiuj maljunuloj terure malgrandiĝas, ja pli kaj pli estingiĝas, pri la aferoj de mia unua infaneco. Vi devos indulgi min...

— Serĉu, tamen, serĉu!

— Jes, la infanoj malfacile komprenas, ke ilin oni ne obeas. Viroj ili estas jam, kaj pli ĝuste virinoj. Fine mi penos. Eble tiu-ĉi rakonto estos mia lasta. Tre bone, sed tamen mi tion ne deziras.

Tio-ĉi okazis antaŭ tre longe. Estis la dudek-kvina de Decembro, en jaro tre malproksima de nun, en jarcento kiun vi konas nur pro ĝia famo. Estis bela, malvarma vetero. Neĝo ĉie. Bona kuracisto, kaj lia edzino, en malgranda urbeto, kvazaŭ vilaĝo, loĝis en malgranda dometo, kvazaŭ ligna domo, « trafebla de pafilo » el plej proksimaj domoj. Li promesis al siaj infanoj Johanino kaj Petro ke li kondukos ilin al noktomeza meso. Li estis ĉiam fidela je sia parolo, li do kondukis ilin kiel promesite. Johanino kaj Petro admiras infaneton Jesuon en lia manĝujo, kiun estas farita el salikaj kaj pajlaj orkoloraj trunketoj, kaj ŝajnas tute malkonforta. Malfermadis ili grandajn okulojn, kaj aperigis tre grandan respektan senton. Poste ekdormiĝis iom je bruo de l'Latina lingvo tre dormiganta por knaboj, kaj revenis iom trenitaj, iom portitaj, kun iomda miraĵo en okulo, iom da zumo en cerbo.

'Cio tio ne estas saniga, diris la patro, kiu estis tre higienamanto, kaj iomete nekredantulo.

— Tio neniel malbonaĵon kaŭzas, kaj enportas benojn hejmen diris la patrino, kiu ne malŝatis la higienon ankaŭ, sed ne estis malkredantino.

La patro nenion respondis, ĉar li ne estis batalema, kaj kuŝigis la infanojn kun ĉiuj kutimaj zorgoj.

Post unu horo, Petro, kiu sendube nur duone dormis ekkriis; en sia voĉo estas iom da teruro kaj da ravo.

Panjo, Infano Jesuo estas certe hejme, mi aŭdas lin, li ploras, mi certigas vin, ke li alvokas.

— Vidu, edzino, ke ne estis saniganta. Tiu ĉi bubo havas la spiriton trafitan. Li vidas infanon Jesuon ĉie, kaj eĉ lin aŭdas. Ke li vidu, bone, sed tiuj-ĉi freneziĝoj de l' aŭdado estas multe pli gravaj ol fremeziĝoj de l'vidado.

Se tiu-ĉi ricevos atakon de meningito dum la venanta semajno, mi tute ne miros.

Jen, ni estas en bela afero!

— Vi mem estas trafita! meningito, tuj! freneziĝo de aŭdo! tiu-ĉi infano sonĝas, tute simple. Se li ricevus bonajn sonĝojn, despli bone por li. Morgaŭ tio-ĉi forflugos.

Sed iom poste, estas la vico de Johanino, kiu diras

— Paĉjo! jen infaneto Jezuo eniris tien. Panjo bone diris, ke tio enportas benojn hejmen; li venis viziti nin. Mi aŭdas lin parolantan vortojn, vortojn kiujn mi ne komprenas. Li parolas latine, kiel parolis en Betlehem. Li havas belan voĉon, estas blondulo en kvazaŭa korbo ankaŭ blonda. Mi ne kuraĝas aliri por vidi lin. Eble mi estas malprava. Tamen, ĉar li vizitas nin, li estas kredeble en la kameno.

— Tiu-ĉi knabino deliras, diris la patro. Mi estis prava. Ni ne dormos tiun-ĉi nokton, estas nun la dua matene...

Sed la infanoj tute vekigitaj daŭrigis la diron: La domo estas tute plena de infanetoj Jesuoj, kiuj nun interparoladas kaj sajnas intermalpaci.

— Ili estas trafitaj, ripetadas la patro, ili estas trafitaj. Tiu-ĉi nokto estas tute malbenita.

— Vi ekriproĉos min tuj, diris la patrino, sed se mi vidas nenion ajn, mi preskaŭ certe aŭdas ion...

— Jen estas, diris la patro, komuniko de l'frenezo, fenomeno tre konita. Loĝadu frenezulon en domo enhavanta tridek personojn, fariĝos tie dekkvin frenezuloj post ok tagoj.

— Dio mia, diris la patrino, eble ni ne estas frenezuloj, sed ĉu vi ne estas surdetigita pro la neĝa vetero? Tiel-al vi ŝajnis, la pasintan jaron.

— La diablo forportas... Pardonu... Jen, unu vorto estas vera, aŭ pli ĝuste unu afero. Tiuj reŝaniĝas, kiuj kredas vidi ion nevideblan, kiam oni ilin direktas al tio, kion ili kredas vidi. Ni ĉirkaŭiru la domon.

Oni vestiĝas, oni vestas la infanojn, kiuj nun nenion aŭdas. 'Cio tute silentiĝas.

O silentiĝo! Mi estis certa pri tio. Knaboj kaj vi, eltiritaj el la duon-dormo per movado, silento devis fariĝi.

Tamen travizitu ni la domon. Necese estas ke la realeco vigle venu anstataŭi la eraron, kaj forpelu ĝin el la cerbo; en tio estas la kuracilo.

Oni travizitadas la domon; reale nenio! ĉiu objekto en sia loko; en ĉiu ĉambro nur kio estis dum la pasinta tago, kaj plej absoluta silento.

— Eble, li estas en ĝardeno, diris Johanino?

— Oh! la ĝardeno, diris la patrino, fariĝinta tiam nekredema, mi tute ne volas, ke vi ricevu pulmo-malsanon.

— Ni vizitu la ĝardenon, rapidege, diris la patro; se ni denove kuŝigus la infanojn antaŭ ol ili estos trairintaj la ĝardenon, dum la daŭro de l'vivo ili kredos, ke Li estis en ĝardeno.

En ĝardeno, nenio, kaj la ĉielo estas stellumigata, la luno estas hela kiel hakoglavo ĉe l'parado, kaj lumigas kvazaŭ tagmeze.

Oni reiras, silentiĝas la infanoj. Ili ankaŭ nekredemaj estas, kun la piedoj kaj nazo duon-frostitaj. Turnu okulojn al trotuaro, diris la patro, iom ŝerce.

Oh! respondas la patrino... tiel estu, por trankviligi konsciencon.

Oni malfermas la pordon; sur la sojlo kuŝas korbo el saliko kaj duonplena de pajlo, enhavanta knabeton, preskaŭ blondan, sepjaŭ oktagan. Liaj okuloj estas fermitaj; li tute ne krias, ĉar li estas duone frostigita.

Mirinde, mirinde, diras la patro, neniel freneziĝis familio mia!

Tiom pli bone, mi ne forsendos mian observaĵon al la akademio de medicino; mi tion preferas, certe. Nun tiu ĉi simieto estas malfrostigota kiel eble plej frue. Tiu-ĉi afero ne daŭros pli ol tri minutoj. Mi neniam eraras. Mi diris, ke dum la tuta nokto mi staros. Mi certe memoros la kristnaskan nokton de l'jaro 1829!

La knabo estis malfrostita, kaj adoptita, ĉar la kuracisto certigis, ke li malamis la help-societon publikan.

La knabeto daŭrigis sufiĉe feliĉan vivadon.

— Ĉu li estas mortinta nun, avo?

— Ne ankoraŭ tute, ĉar estas mi. Mi ne plu havas imagon, kaj mi estas devigata rakonti historiojn verajn. Vi scias nun, kial oni nomas min « Kristnasko » !

— Vi estis do knabeto iam, avo !

— Jes, granda kiel naztuko. La knabinoj ne povas imagi, ke gepatroj iam estis infanetoj kiel ili estas. Tio-ĉi tamen estus tio, kio nomiĝas saĝa frenezaĵo. Mirinda fakto, la sekvantan tagon, knabo Jesuo kaj manĝujo lia, kiuj kuŝis en la preĝejo estis forflugintaj : nenie kaj neniam ilin oni trovis.

Oh ! El tio ni nenion konkludu; estas okazoj pli mirindaj iafoje. Tamen pro tio ĉi mia patrino revis kaj ŝercis mia patro, kaj ambaŭ intermalpacis pri tio dum la tuta daŭro de sia vivo.

La sanktuloj, kredeble, tiel kun anĝeloj intermalpacas en la ĉielo.

(El *Mois littéraire et pittoresque.*)

Verkita de Emile Faguet,

Esperantigis Grafo de Contades.

## PROPAGANDA KRONIKO

*Inter la Katolikoj.*

**Brazila.** — Grupo Esperantista estas fondita en S. Paŭlo la 21-an de junio 1907, *Espero Katolika*. Hon. Prez. S-oj D-o *L. L. Zamenhof*, Abato *Peltier* kaj *Everardo Backeuser*. Prez. *Haroldo Amaral*; Sek. *J.-F. de Asumpçaô* kaj *A. Rodrigues* ; Kas. : *Mariano Grotti* (*L'Espérantiste* de oktobro). — Ni plej sincere dankas niajn Brazilajn amikojn pro la granda honoro, kiun ili faras al ni, kaj ni deziras al la nova grupo grandan sukceson. (La Direktoro de E. K.)

**Portugala.** — Ni plezure konigas la adreson de nova Delegato por Portugalujo. D-o F. Malato, en *Portalegre*.

fervore klopodos por E. K. Ni petas la Esperantistojn Portugalajn, ke ili sin turnu al nia Delegato.

**Franca.** — *L'Etoile* (108, avenue Victor-Hugo, Paris), komencas publikigon de kurso Esperanta; enhavas kronikon Esperantistan; afable parolas pri nia *Societo Katolika Internacia.*

*L'Avenir Bourguignon* (nov. 3) tre detale analizas E. K. oktobra. Rememoras la respondon de M-o Foucault al la Direktoro de E. K. Raportas pri la katolikaj kunvenoj dum la Cambridge'a kongreso. Tre koran dankon al la fervora amiko, kiu skribas tiujn monatajn raportojn. — Tre imitinda agado.

**Holanda.** — Niaj amikoj H. B. van Zwet (delegato de E. K.) kaj J. Lüneman aktive propagandas en la katolika gazetaro, publikigante tradukojn el *Espero Katolika.* Tia agado estas ĉiam tre fruktodona kaj ni varme rekomendas ĝin.

*De Christelijke Actie* (La kristana agado), 5.200 ekzempleroj ĉiusemajne), organo de Propaganda Klubo S.Paŭlo, enhavas (9 nov.) tradukon de *Estonto de Katolikismo en Francujo* (daŭrigata en sekvantaj numeroj). En la numero de dec. 7-a, la sama gazeto presas tradukon de *Lourdes.*

*De Voorhoede* (La Antaŭgardo), nova potenca gazeto semajna (25.000 ekzempleroj) estas fondita de grava katolik-societo « Futuro ». Post naŭ semajnoj de ekzisto ĝi jam kalkulis 15.000 abonantojn! En la numero de novembro 30-a, *De Voorhoede* publikigis artikolon pri Esperanto kaj plenan tradukon de la prediko de nia Direktoro en Ĝenevo (2-a kongreso).

Ni ne dubas, ke niaj amikoj baldaŭ rikoltos la fruktojn de tiu bela semado. Kuraĝe antaŭen!

**Belga.** — Frato Izidoro, Direktoro de la « Reĝa Blindulejo », en Woluwe (Bruselo), estas, kiel oni bone scias, fervorega Esperantisto. Ni ĵus ricevis de li beletan broŝureton en Braille'a relief-skribo, kiu enhavas (en Esperantaj literoj, legeblaj por ĉiuj) la *Regularon* de *Woluwa Blindulgrupo Esperantista.* Ni tre petas la legantojn de

E. K., ke ili petu de Frato Izidoro tiun broŝuron kaj returne sendu al li por liaj karaj blinduleto, ekzempleron de la *Preĝaro* en Braille eldonita de F-ino Tellini (via Arilo, Udine, Italujo).

**Anglu.** — Ni ricevis plej bonajn novaĵojn de la nova grupo de Shanklin, fondita de P-o Richardson, dum lasta somero. La *Stelo de l' Maro* (nomo de l' grupo), havas nun 45 membrojn. Al la grupo aliĝis la religiulinoj de la katolika lernejo, kun 16 knabinoj. Antaŭ nelonge okazis kunveno, ĉe kiu parolis Kapitano von Herbert, prezidanto, kaj Pastro de Bom. sekretario de l' grupo.

*The Universe*, la « plej malnova katolika ĵurnalo », daŭrigas publikigon de lecionoj pri Esperanto.

L. MILHO.

## KATOLIK-ESPERANTISTAJ SOCIETOJ

Por plifaciligi al la komercistoj kaj industriistoj la aniĝon al *Abelo Esperantista*, ni decidis, ke por ili, kiel por la anoj de la du aliaj societoj, *la aniĝo estos senpaga*. La sola kondiĉo estas *aboni E. K.*

Ankaŭ por eviti postulon de mono, ni decidis presi je niaj propraj elspezoj la nomaron de la tri societoj; sed anstataŭ tri Jarlibroj, ni publikigos nur unu, kun la titolo *Jarlibro de Katolik-Esperantistaj Societoj*. Ĉiu membro de unu el la tri Societoj havos rajton presigi 5-linian anoncon en la fako *Anoncetoj*, por o fr. 50 (20 Sd.). Pri ceteraj anoncoj, duon-pagaj aŭ pagaj, ni konsentos rabaton da 10 p'. cent el la prezo de anoncoj en E. K.

La Jarlibro aperos en marto 1908. LA DIREKTORO.

### SOCIETO KATOLIKA INTERNACIA (S. K. I.)

*Estas necese, ke la katolikaj Esperantistoj unuiĝu por la propagando, kaj interkomuniku. Sen tio ili restos malfortaj. Ili unuiĝu per S. K. I. La sola kondiĉo de aniĝo estas abono*

*al E. K. La profitoj estas tre multaj ; oni povos uzi la adresaron por mil kaŭzoj : korespondado por turistoj, por lernantoj ĉe pastroj aŭ nepastroj, loĝejoj, servistoj, libroj, ĉiuspecaj informoj. Oni povas fariĝi membro sendante vizitkarton kun literoj : S. K. I. kaj oni havas rajton sendi tuj kelklinian anoncĉton por* Universala Komunikilo.

27. S-o Requin, vikario, *Draguignan* (Var), Francl.
28. S-o Eduardo Cano y Lopez-Ayllon, *Siguenza* (Guadalajara), Hispan.
29. S-o Kamilo Straschill, Franciskano, *Villach*, Aŭstrio.
30. S-o Jos. Vogel, Westerns-str. *Paderborn*, Germanl.
31. S-o Meazzini, *Arezzo*, Ital.
32. S-o J. A. W. Lüneman, laboristo, N. D, Neerstraat, 40, *S. Gravenhague*, Holando.
33. S-o Van Zwet, Heerenweg, *Utrecht*, Holando.
34. S-o Leo Jolliet, *Wechselburg*. per *Leipzig*. Saxe.
35. S-o Benedikt Theodor Ulm, Kastelo de *Wechselburg*, per *Leipzig*, Saxe.
36. S-o A. Wagner, *Stanislau* 2, Aŭstrio.
37. S-o P-o Henriko, I. Eils. S. J. S-ta Luis Universitato, *S-ta Luis*, U. S. A.
38. S-o Hugolino Mercieca, *Rabato*, Malto.
39. S-o H. Buret, notario, *Sainville* (Eure-et-Loir), Francl.
40. S-o A. Vigneron, 1, rue du Champ-de-Mars, *Paris*-VII.
41. S-o Jean Cyrot, 13, rue Thiers, *Beaune* (Côte-d'Or), Francl.

## PASTRA ESPERANTISTA FRATARO (P. E. F.)

15. P-o Ludovic Requin, vikario, *Draguignan* (Var), Francl.
16. P-o Joseph Merlent, profesoro, Kolegio St-Pierre, *Calais* (Nord), Francl.
17. P-o Em. Debom, The Presbytery, *Shanklin*, Isle of Wight, Angl.
18. P-o Xavier Ricomes, *Le Puy* (Hte-Loire), Francl.
19. P-o Pouzol, profesoro, *Riom* (Puy-de-Dôme), Francl.
20. P-o Francisko Frank, kapuceno, *Falkenau a. d. Eger*, Bohem-Aŭstr.
21. P-o Johano Gardner, The Rectory, *Formby* (Liverpool), Angl.
22. P-o Kamilo Straschill, Franciskano, *Villach*, Aŭstr.

# BUDJETO DE KATOLIKA KARITO

*en la tuta mondo,*

La Bulteno de la Societoj de S. Vincento de Paŭlo publikigas statistikon pri la en- kaj elspezoj de la Societo en 1906. Jen la enspezoj en la diversaj nacioj.

| | |
|---|---|
| Franclando kaj kolonioj. | 2.060.000 |
| Holando | 1.945.000 |
| Usono kaj kolonioj | 1:930.000 |
| Anglolando kaj kolonioj. | 1.635.000 |
| Belgl. | 1.209.000 |
| Germanl. | 910.000 |
| Aŭstrio-Hungar. | 906.000 |
| Brazil.. | 741.464 |
| Hispanl. | 741.456 |
| Meksikl. | 314.000 |
| Ital. | 394.000 |
| Arĝentin-Respubliko. | 130.000 |
| Svislando. | 118.000 |

La sumo de l' enspezoj egalas 16 milionojn da frankoj. Tiu sumo estas pli granda ol tiu de l' lasta jaro. Franclando ĉiam havas la unuan vicon.

## UNIVERSALA KOMUNIKILO

*(Rezervata al la abonantoj de Espero Katolika.)*

*S-o Joseph Pion*, 34, rue de la Comédie, Beaune (Côte-d'Or), Francl., rememorigas ke li malfermis enketon pri la *popolaj kutimoj*, faktoj, naciaĵoj, kiuj fariĝas en diversaj landoj okaze de bapto, fianĉiĝo, edziĝo kaj ceteraj religiaĵoj.

*La sama* sendos 12 diversajn vidaĵojn Esperantajn pri Beaune. Prezo afrankite : 1 fr. 50 (60 Sd.).

*Komerc-Vojaĝisto* estas bezonata en Francl. por preslaboroj kaj libroj Esperantistaj. Konvenas por iu, kiu jam vojaĝas por librejo. — Skribu al la Direktoro de E. K.

## PAĜO DE L' DIREKTORO

*La Direktoro de E. K. respondos nur al tiuj, kiuj sendos poŝt-karton kun responda flanko, aŭ internacian respondan kuponon.*

---

*ATENTU, TRE ATENTU, ATENTEGU !*

**Mirinda NOVJARA DONACO de E. K. al siaj abonantoj.** — *Espero Katolika*, dezirante ĉiam pli kaj pli kontentigi siajn legantojn, favori la propagandon de lingvo internacia, pligrandigi la *utilecon* de ĝi, prezentas hodiaŭ al siaj abon-antoj, -intoj kaj -ontoj, la plej ŝatindan, plej utilan, plej faman Novjaran Donacon, kiun revuo povas prezenti.

De la proksima (februara) numero de E. K., **ĉiu abonanto, -into kaj -onto, havos rajton por senpaga tut-jara anonco 5-linia** (t. e. anonco por 10 n-oj de E. K.). Tial, la *Universala Komunikilo* estos presita sur kovrilo de la revuo, kaj ni duobligos, eĉ triobligos ĝin, kiam estos necesa. Pagante o fr. 50, oni povos ŝanĝi la tekston de la anonco dum la jaro. *Unu kondiĉo estas postulata : pago de l'abono* **antaŭ** *la enpreso de l' anonco.*

Sendu tuj, tuj, vian anoncon kaj abonmonon, ĉar la februara numero de E. K. ekpresiĝas.

**Reabonoj.** — Tiuj, kies abono finiĝis kun la decembra numero de E. K. estas petataj sendi al ni plej baldaŭ la monon de reabono. Estas *tre malfacile* sendi poŝtajn kvitancojn ekster Franclando ; eĉ oni ne povas sendi ilin en ĉiuj landoj. Ni esperas, ke niaj legantoj estos sufiĉe afablaj por sendi mem sian reabonon, sen ia nova alvoko. Bonvolu tiuj, kies abono finiĝis en oktobro lasta, atenti ankaŭ tiun avizon.

**Katolik-Esperantistaj Societoj.** — Estas stranga, ke la aliĝoj al *Abelo Esperantista* ne estas pli multaj. Tio pravigas, kion ni diris sub titolo *Por kio utilos?*

Ŝajnas, ke la komercistoj kaj industriistoj ne ankoraŭ estimas, ke Esperanto estas *utila*. Ni insiste petas niajn amikojn, ke ili *varbu* anojn por *Abelo Esperantista*. Memoru, ke *ne-Esperantistoj* povas esti membroj. La sola kondiĉo estas abono al E. K. La *Abelanoj* povas tuj sendi anonceton, (senpagan) por la *Universala Komunikilo*.

**Per Telefono** estas la titolo de beleta broŝureto eldonita ĉe nia Presejo. La aŭtoro de tiu tre amuzanta sceneto estas Jacques Freneuze (sub tiu pseŭdonomo sin kaŝas lerta verkisto). La sceneto estas tradukita de S-ino Josée Guivy. Prezo o fr. 15. La grupoj Esperantistaj certe aĉetos tiun komedieton, kiu mirinde taŭgas por Esperantistaj fest-kunvenoj.

**Imitado.** — La unua folio de *Imitado* estas presita de longa tempo. Sed oni bone scias, ke la Delegacio kaj la *Lingva Komitato* interparolas pri la demando de reformoj. Ĉu ni devas daŭrigi la presadon, aŭ atendi ke la Delegacio kaj la L. K. interkonsentas? Kion fari?

Same, ni ne kuraĝas publikigi tuj la broŝurojn anoncitajn pri socialaj demandoj (*La Ruĝuloj. La Flavuloj*).

Estas do tre dezirinda, ke ni plej baldaŭ konas la finan solvon de la demando. Kelkaj, oni diras, deziras ke la demando estu pridiskutata ĝis la Kvara Kongreso. Sed kion povus fari la eldonistoj dum tiel longa atentado? Kaj kian povon havos la 4-a kongreso pri lingva demando? Eĉ kelkaj diras, ke la *Lingva Komitato* ne havas povon, ĉar ĝi estas nur *konsilantaro* de D-o Zamenhof, kaj neniam ricevis *oficialan* delegacion de l' Esperantistaro. Al ni ne apartenas solvi tiajn problemojn. Sed ĉiuj komprenos, ke la interesoj de la eldonistoj postulas rapidan solvon.

**Politiko kaj E. K.** — Ni ricevis plurajn respondojn *por* kaj *kontraŭ* la demando de P-o Dombrovski. Bedaŭrinde, la sendintoj esprimis simple sian opinion, sen liveri *argumentojn*. Car respondoj per *jes* aŭ *ne* estas ne interesaj por la legantoj, ni presas nur tiujn, kiuj

klarigas la demandon per argumentoj. Jen respondo tia de tre malnova kaj tre fama Esperantisto, S-o A. Kofman :

Odessa, 7-XII-1907.

Tre estimata Sinjoro,

Nuntempa religia gazeto ne povas eviti politikajn temojn, kaj E. K. jam havis artikolojn de tiu ĉi speco. Generale, mi estas por la ekspozicio de ĉiu demando, traktata sincere, talente, ne enuige (sendepende de tio, ĉu mi konsentas aŭ malkonsentas kun la ideoj de la aŭtoro). Mi bedaŭre foliumas kelkajn Esperantistajn gazetojn, kiuj timas liberajn kaj forte impresantajn parolojn : se ili post kelkaj jaroj mortos, mi ne estos tiu, kiu bedaŭros ĝin. Certe, politikaj depeŝoj, kiel « La Germana Kaiser diris tion ĉi » ; « En Moskvo eksplodis bombo » ; kaj « La Portugala reĝo anoncis diktaturon », ktp., estus senutila kaj ridinda balasto. Oni devas ekspozicii gravajn principojn, vidpunktojn de larĝa signifo, batali por kaj kontraŭ, vivi, ne vegeti. Mi certe ne dubas, ke tio ĉi venos neeviteble, sed mi deziras ankoraŭ vidi ĝin. Mi estime premas al vi la manon. — A. KOFMAN.

## EN LA MONDO ESPERANTISTA

### UNUA CIRKULERO DE LA KVARO POR LA KVARA

Apenaŭ la lasta brilo de la glora tria kongreso estingiĝis, kaj jam la unuaj radioj de la kvara estas videblaj. La gesamideanoj jam scias, ke, en Kembriĝ', Germanujo invitis la Esperantistaron ; la urbo restis ankoraŭ nedifinita. Nun Germanujo, en harmonio kun la Centra Organiza Komitato kaj kun la konsento de D-o Zamenhof elektis Dresden kiel la plej taŭgan urbon.

La bela Saksa ĉefurbo havas tre oportunan situacion. Ĝi nek estas nordgermana nek suda urbo, ĝuste en bona mezo de Germanujo ĝi kuŝas, facile atingebla por ĉiuj landoj. La Kvaro, kiu aranĝos la kongreson, estas : D-o

Mybs, D-o Schramm, S-ino Hankel kaj S-o Arnhold. Tiu ĉi kvaro ĉion faros, por faciligi al la kongresontoj la vojaĝon kaj loĝadon. La Societo por la Interkomunikiĝo de la Fremduloj (Fremdenverkehrsverein) tre afable proponis al la Kvaro sian helpon; per kunagado kun tiu ĉi Societo la kvaro aranĝos malkaran restadon al niaj gastoj. Kun kora gastameco ni ilin atendas, entuziasme ni ilin akceptos! La malnovaj amikoj revidos unu la aliajn, novaj ligoj fariĝos, pli intime la granda familio unuiĝos. En la lando de la scienco tre granda ekspozicio montros la riĉan literaturon de nia lingvo.

Post la kongreso ekskursoj tra Germanujo estos aranĝotaj, ni esperas ke multaj Esperantistoj partoprenos. Tiuj el ili, kiuj preferas la viziton kaj restadon en trankvila « Esperanta Vilaĝo » trovos en Weisser Hirsch la deziratan ĉarman lokon, veran Esperantistujon. Jam nun oni tie aranĝis kursojn.

La sukceso de niaj entreprenoj dependas de la multnombra apero de la gesamideanoj. Ĉiuj nacioj estu bone reprezentataj! Ni petas, ke oni baldaŭ anoncu sian nomon kaj profesion klare skribitan, kun detala adreso al la *Oficejo* de la kvara, kiu restos, ĝis la definitiva translokiĝo al Dresden (en komenco de somero 1908), ĉe la Prezidanto *D-o Mybs, Altona a. D E., Markstr, 68.* Ankaŭ ne forgesu la donacan kason kaj la Garantian fondaĵon, ĉar ni bezonas multe da mono. Ni do petas, ke oni sendu ĉiujn monojn al la bankejo Fratoj Arnhold (Gebr. Arnhold), Dresden, Weisenhausstrasse 20.

La Kvaro por la Kvara.

D-o Mybs, D-o Schramm, Marie Hankel, H. Arnhold.

---

## BIBLIOGRAFIA KRONIKO

**Presa Esperantista Societo.** — *Limigo de l' Armadoj.* Aŭtoro d'Estournelles de Constant. Tradukistoj Esselin, Dufeutrel kaj Segrétinat. Prezo 0 fr. 75. Tre leginda. Fine de l' libro, oni legas noton pri proponitaj

radikoj *almiliti, konkvesti, konkesti*. S-o Esselin proponas « konkvesti », kaj S-o Moch « konkesti ». Aliaj proponoj : *arsenalo, etapo, telegrafio*, kiel *ortografio, bibliografio*.

*Por la Haga Konferenco*, opinioj, projektoj, proponoj. Enketo farita de « Internacia Instituto de Paco ». Tradukis R. Laisney kaj Gaston Moch. 1 fr. (90 p.). Notoj pri novaj radikoj : *dinamito, melinito, kordito, roburito, fortiko* (konstanta *fortikaĵo* eksterurbo), *kodo* (anstataŭ *kodekso*); *pacagado* (fr. *pacigérance*), la konservado, dum milito, de la pacaj interesoj de militantoj aŭ neŭtraluloj; *pozicio*.

*Grand Dictionnaire Français-Esperanto*. De vorto *atteindre* ĝis *avocat*.

*Ranratbatalo*, herokomika verko de post-homera poeto. Trad. E. Deligny (16 p.). Prezo 0 fr. 40. Okaze de tiu verko (ne ĉar ĝi estas pli karakteriza ol aliaj), ni rimarkigos la *invadon de akuzativo* en Esperanto. Ekzemploj sur la kovrilo : « *Esperanten* tradukita » (idiotismo latina, angla, germana). « ...por la kanto, kiun nove sur *miajn genuojn* mi starigis » (p. 3), « ...premante piedojn sur la *ventron* » (p. 6). Tamen oni legas poste « li etendis voston sur *akvoj* ». Por esti konsekvenca, l'aŭtoro devis skribi *sur akvojn* ! Tiel, preskaŭ ĉiuj vortoj havus la *-n* akuzativan !

*La Problemo de Malarmo*, de Alfred Fried. trad. Kapitano Alesiano. Prezo 0 fr. 50 (24 p.).

**Hispana Societo** (Strato Buenavista, 21, Valencia). — *Edziĝo Malaranĝita* aŭ Terura Nekompreniĝo, originale verkita de Vicente Inglada, 44 p. Prezo : 50 cent (20 Sd) Bonega stilo, tre amuzanta.

**Moller et Borel** (Berlin).— *Unua Legolibro*, gradigitaj legaĵoj kun frazlibro kaj modeloj de leteroj, de D-o Kabe. Prezo 1 M. 50 (0,75 Sm.) Tre bonstila, tre interesa, tre *praktika*. — *Die internationale Hilfsprache und das Esperanto*, de Profesoro Ostwald, Germane, multe ŝatata en Germanujo (Prezo 20 Pf.).

**Bernard Grasset** (49, rue Gay-Lussac, Paris). — *Les*

*Préjugés contre l'Esperanto.* Respondo al *La Sottise Espérantiste.* Verko Franca de S-o F. de Ménil. Bonega respondilo kontraŭ la ĉiam samaj kontraŭdiroj, antaŭjuĝoj. Notu ke la eldonisto publikigis antaŭe libron *kontraŭ* Esperanto, kaj estis konvertita dum kontraŭdira konferenco.

**Muziko.** — *Valso Esperantista.* de Dario Saavedra. Prezo 1 fr. 60. Eldonita ĉe Hans Hoffmann, Berlin, W.35.

*Esperanto-Marsch.* de Aug. Etlinger. Prezo ne montrita. Eldono de Peder Friis. en København,

Prof. E. LIME.

---

## PROMENADO TRA LA GAZETOJ

INTERNACIAJ (Novembro). *Internacia Scienca Revuo* publikigas gravegan artikolon « Al la Delegitaro, al la Esperantistaro ».

Jen la konkludo « La Esperantistoj pro konfido al sia propra forto ne malakceptu la pravajn demandojn de la Delegitaro, pretekstante, ke tiuj postuloj estas aŭ tro grandaj aŭ pereigaj por ilia unueco. La Delegitaro estis kreita per sepjara senlaca laboro, kaj oni devas sen antaŭjuĝo ekzameni en ĝiaj kritikoj pri Esperanto ĉion, kio estas ĝusta. La adeptoj de la Zamenhofa Lingvo ne prenu sen singardemeco la respondeblecon de rompo kun la Delegitaro antaŭ ol ili laŭeble agis por ĝin eviti.

Tio ĉi tute ne kontraŭstaras al la Bulonja deklaracio, ĉar per tiu Deklaracio la Esperantistoj simple intencis starigi la jenan principon : « neniu persono kaj neniu societo devas havi la rajton arbitre fari ŝanĝojn en la Zamenhofa Fundamento ». Tiu principo devas resti via leĝo ĝis kiam via lingvo estos sufiĉe oficiale akceptita por ke ĝi ne timu la konkurantajn lingvojn. Se oni tiam juĝas, ke kelkaj ŝanĝoj estas utilaj, oni povas sendanĝere ilin enkonduki, kondiĉe ke ili ne renversu la principojn akceptitajn. La Bulonja deklaracio neniel do malhelpas, ke la lingvo evoluu kaj progresu, ĉu per aldonoj, ĉu per kelkaj mal-

oftaj ŝanĝoj, el kiuj ne sekvos ia rompo en la lingvo.

Kvankam ne estas la afero de la Lingva Komitato, ŝanĝi Esperanton per dekreto kiu estus malfacile akceptota de ĉiuj Esperantistoj, tamen la Lingva Komitato povas konigi al la Esperantistaro ĝis kie interkonsento kun la Delegitaro estas farebla enkondukante en la lingvon neologismojn (novajn sufiksojn, novan alfabeton, k.t.p.) por anstataŭi arkaismojn *kaj precipe petante la Esperantajn revuojn sciencajn aŭ teknikajn uzi prove tiujn neologismojn ; kaj post kiam la provo estus tiel sendanĝere farita de la teknikaj gazetoj, tiam se la neologismoj estas vere bonaj ili estos iom post iom akceptitaj de la ne-sciencaj Esperantistoj kaj gazetoj Esperantistaj.*

Ni do permesas al ni, varme alvoki al la Komitato de la Delegitaro kaj al la Esperantistaro por ke okazu reciproka interkonsento, ĉar kiel diras la proverbo : « antaŭe, facilega estas la okazo ; poste, ĝi fariĝas jam mafacilega ». En la nuna momento, la okazo estas alveninta ; sed, baldaŭ ĝi estos jam forpasinta ».

Tiu deklaracio estas sekvata de 32 nomoj de profesoroj. La plimulto de ili instruas ĉe la Geneva Universitato. — Kurioza artikola de P-o Cyprian Rust pri interrilatoj de la literoj K kaj P. — S-o Samuel Meyer pritraktas la demandon « Pri la alfabeto kaj la supersignitaj literoj. » Konkludo « Ne estus konsilinde krei specialan literaron por lingvo internacia ; tia lingvo devas uzi signojn jam uzatajn en la plimulto de la naciaj lingvoj. Sed mi firme kredas ke ĉiuj lingvoj bezonas alfabeton pli taŭgan ol la nunan kaj ke, post malmultaj jaroj, la sento de tiu bezono naskos la eltrovon de la rimedo. »

*Lingvo Internacia.* El la Redakcio : « Ni restos fidelaj ». « Cetere D-ro Zamenhof jam de longe kaj kun granda saĝeco fordonis ĉiujn rajtojn de aŭtoreco pri Esperanto ; kaj la rolo de la Lingva Komitato tute ne estas sin okupi pri reformoj kaj « plibonigoj », sed nur kontroli kun D-ro Zamenhof la *naturan* konstantan pliriĉigadon de nia lingvo kaj, sin apogante sur la « Fundamento »,

ŝirmi kaj defendi nian unuecon kontraŭ ĉia deflankiĝo.

La povon aŭtoritate fari ŝanĝojn en nia lingvo *neniu* ĉe ni jam havas; *nur la registaroj* nun havus la necesan potencon kaj disponus sufiĉajn sankciojn por efike trudi al ni reformon. » — Analizas E. K. de oktobro (*Antaŭprolo*). Anoncas la fondon de nia Presejo kaj publikigon de nia *Katolika Preĝaro*.

*Tra la Mondo*. Studo pri la fama muzikverkisto Ed. Grieg. kun portreto. — Parolas pri trovo de kelkaj ostoj en insulo Java. La scienculoj diras, ke tiuj « ostaĵoj » apartenas al estaĵo nekonita, kiun ili baptonomis *Pithecantropus* (simiohomo). Ni pacience atendu! oni jam tiel ofte faris similajn trovojn! — En rubriko « Praktikaj aplikoj de Esperanto », anoncas la eldonon de *Katolika Preĝaro*. — Tute silentas pri la grava reforma demando.

*La Revuo*. Enhavas longan raporton pri la ekskursoj farita post la 3-a Kongreso. Tre interesa. — En « Felietono ». sur rozkoloraj anoncaj folioj, oni legas :

« La 14 de Oktobro kunvenis en Parizo la nove elektita komitato de la « Delegacio por elekto de helpa internacia lingvo ». Ni esperas, ke tiu komitato *prudente* kaj *singardeme* agos ».

*Esperanto Jurnalo* (27 nov.) publikigis gravan artikolon de S-o Hodler « Grava momento », La tezo estas, ke la *Fundamento* ne estas tiel « netuŝebla », ke ĝi ne permesas fari ŝanĝojn por pliperfektigi Esperanto. Jen la konkludo « La ekzisto de fundamento komuna kaj netuŝebla estas necesa por la unueco de nia afero, sed tiu fundamento permesas ĉian reformon kaj aldonon, kondiĉe ke tio estu farata nature, sen rompo. La momento estas oportuna por enkonduki en nian lingvon kelkajn aldonojn kaj korektojn konformajn al ĝiaj esencaj principoj kaj por forigi kelkajn malbonaĵojn, kiuj per si mem estas kontraŭaj al la principoj de tiu Fundamento. Tio ĉi prezentas nenian danĝeron se ni senpartie kaj mature ekzamenas ĉion, kio estas *realigebla* tiamaniere. Forĵeti senpense ĉion proponatan kiel ion malbonan kaj malutilan,

aŭ akcepti ĉion proponatan kiel ion bonan kaj superan pro tiu sola kaŭzo ke ĝi estas nova, kondukos nin al egale pereiga ĥaoso. La meza vojo estas bona; ni esperas, ke ambaŭflanke la Delegitaro kaj la Esperantistaro ĝin sekvos.

*Aliaj internaciaj gazetoj ricevitaj* « Laboro », kiu timeble ne povos vivadi. — Juna Esperantisto (oktobro). — Idealo (septembro-oktobro). — Internacia Socia Revuo (oktobro-novembro), kun insultanta desegnaĵo sur la kovrilo. Ĝi reprezentas krucon kun tiuj vortoj : *Simbolo de sklaveco*. Se la redaktoroj estas *liberpensuloj*, ili devus — konforme al sia doktrino — *lasi liberecon* ne pensi kiel ili pensas. kaj ne insulti katolikojn per tiaj desegnaĵoj. Tio ja povas malfacile helpi al *universala paco kaj unuiĝo*.

Naciaj gazetoj. *British-Esperantist* (nov.) raportas pri la gazetoj anglaj, kiuj parolis pri la 3-a Kongreso. Ne citas E. K. en sia « Gazetaro ».

*American Esperanto Journal* (nov.) utilege parolas pri la utilaj celoj de Esperanto.

« La Internacia Lingvo ekzistas por praktikaj celoj. Ĝi ne estas teoria ludilo de filologistoj, nur amuzaĵo de lingvoamantoj. Se tio estus, ĝiaj propagandantoj efektive estus elkonsumintaj plej senutile siajn fortojn, monon, kaj tempon. Ju pli baldaŭ do ili forlasus la aferon, des pli saĝe ili agus. »

Poste oni detale citas la diversajn celojn jam atingeblajn, kaj oni afable incitas la legantojn, por ke ili abonu la specialistajn gazetojn : *Scienca Revuo, Espero Pacifista*, k.c.

Jen la teksto pri *Espero Katolika :* « Tiel ni povus daŭrigi nian predikon, alvokante al ĉiu rilatiĝi kun iu serioza afero per Esperanto. Aparte ni petas al ĉiuj Esperantistoj Romanaj Katolikaj, ke ili ne forgesu sian propran jurnalon, la *Espero Katolika*, bonege redaktatan de l'Abato Peltier.

*Denove, ni ripetas ke Esperanto en si mem ne estas*

*inda je laboro kaj studado.* Ĝia graveco konsistas je la helpo kiun ĝi povas alporti al aliaj gravaj aferoj. Se tian helpon ĝi ne povos alporti, ĝi pereos, kaj juste. Ĉiu el ni elektu la kampon sur kiu Esperanto povas helpi lin, kaj tuj abonu la ĵurnalon esperantistan kiu laboras sur tiu kampo. *La naciaj propagandaj ĵurnaloj ne povas helpi tie; ili estas nur semantoj de la bona semo. Por ricevi rikolton, oni devas labori per la fakaj ĵurnaloj kaj societoj.*

Tiuj ĉi « modernaj maŝinoj de la civilizacio intelekta » bezonas monon por sia agado. Ne forgesu tion; kaj *abonu hodiaŭ unu el la ĵurnaloj kies adresoj troviĝas sur la tria paĝo de la kovrilo de nia ĵurnalo.* »

Oni informas nin, ke la bonega revuo estas de nun publikigata de *American Esperanto Co* en *New-York City*.

*L'Esperantiste* (nov.) ĵus aperis. S-o de Beaufront klarigas sian rolon antaŭ la Delegacia Komitato. Li estis nur « advokato » de Esperanto; parolis antaŭ la Komitato « dum kelkaj horoj »; neniel partoj renis la *voĉdonojn*. « Kontraŭe aliaj, esperantistoj kiel mi, sed apartenantaj al la Delegacio, sidintaj en ĝia komitato, konsiliĝintaj kun ĝiaj membroj, partoprenis en ĝiaj faroj; ili nome voĉdonis pri la decido akcepti Esperanton laŭ la bazo de l'projekto de « Ido », tio estas kun ŝanĝoj, kaj kredeble ili aprobis tiun ĉi decidon, car ĝi estis *unuvoĉe* farita. Sed admiru la logikecon kaj justecon de kelkaj laŭ ilia opinio, *mi*, ne alia, portas la respondecon kaj perfidis! Simpla advokato de Esperanto dum 5 horoj, nenian rajton aŭ povon havinte en aŭ por la komitato de la Delegacio, mi estas lakulpulo pri juĝo farita de dek aliaj personoj, pri juĝo en kiu mi eĉ ne estus povinta partopreni, unue ĉar mi ne apartenas al la Delegacio, due ĉar mi ne estis en la kunsido sed for de ĝi je 150 kilometroj, kiam la decido estis diskutata kaj voĉdonata.

En la gazeto legebla estas « Stilo kaj Idiotismoj ». Tre atentinda. — « Franca tradukistaro, nomoj k. adresoj

de tradukistoj. — Eperantaj kursoj en departemento *Seine*.

Aliaj naciaj gazetoj. Pro manko de spaco ni devas paroli tre resume pri ceteraj gazetoj. — *Germana Esperantisto* donas adreson de la « Kvaro por la Kvara »: anoncas nia *Katolika Preĝaro* kaj la belan kompozicion *Patro Nia* de S-o Gothardo. — En *Belga Sonorilo* (17-an de nov.) oni legas artikolon pri « Unuigo de la geografiaj koordinataj ». — *Suno Hispana* publikigas leteron, per kiu S-o Jimenez Loira, la lerta redaktoro, diras Adiaŭ al la legantoj, pro sia malbona sanstato. Ni kore salutas tiun senlacan batalanton kaj deziregas lian resaniĝon. La nova direktoro estas S-o Rafael Duyos, Buenavista, 21, Valencia. — Artikolo leginda pri « Nomoj de urboj, riveroj, montoj, k.t.p. — En *Svisa Espero*, bonega kroniko nacia. — *Amerika Esperantisto* aperas nun regule; estas precipe literatura; ne parolas pri propagando. — *Antaŭen Esperantistoj* (sept.) ne liveras informojn pri la propagando en Sud-Ameriko. — *Japana Esperantisto* (sept.), bele ilustrita, enhavas portreton kaj leteron de Dro Zamenhof. S-o E. Gauntlett rakontas vojaĝon al Wladivostok, kie li interparolis kun Rusoj. — *Filipina Esperantisto* (okt.) estas speciale dediĉita al la 3-a Kongreso. — *La Verda Standardo*, organo de la « Hungara Esp. Societo », ilustrita (okt.), estas kontinuo de « Esperanto », eldonita de nia fervora kunbatalanto, S-o A. Marich. Proponas *versaŭ* por montri la « direkton al » kiam oni ne iras *ĝis* ia punkto aŭ loko. 'Cu ni jam ne havas sufiĉe da *-aŭ?* — *Helpa Lingvo* (Danlando) ne estas certa, ke ĝi povos vivi. — *Afrika Esperantisto* ĉiam kuraĝe bataladas. — *La Stelo de l'Oriento* raportas pri la 3-a Kongreso. — *Tra Parizo* publikigas, *je la nomo de la Centra oficejo*, sub titolo « La fuŝlingvo de *Ido* », informon en kiu oni diras, ke *Ido* estas nur *plagiato* de Esperanto. Stranga! Aliaj diras, ke *Ido* estas lingvo tute *diferenca* de Esperanto! Kiun kredi? — *Lorena Esp. Jurnalo* (nov.) afable anoncas *Katolika Preĝaro*. Prof. E. Lime.

# 'SAKOJ

(Sub la redakcio de S-o AL. WAGNER, STANISLAU, 2. Aŭstrujo.)

## Problèmo XVIII-a

Komponis J. Kotrc

Nigro : 5 pecoj.



Blanko : 7 pecoj.

Blanko komencas kaj mortigas per la 2-a iro.

## Solvo de Problemo XVII-a

de J. Wierzbicki

La unua iro de B. estas Ĉ — 5D. Se R × Ĉ, 2. D — 4R (m); se K × Ĉ, 2. D × S (m); se S — 4KR, 2. D — 8C (m); se S — 3C; 2C — 7K m).

'Guste solvis A. Novejarque, en Valencio; Charlès Billaux, en London.

## *Pri la ŝakproblemo*

IV

Paralele kun la amerikana, distingiĝis la *bohema skolo*, kiu direktis la atenton al la ŝakmortigo kaj kreis *leĝojn* de la *ŝaka estetiko.*

La atingo de ia celo ne estas estetika, se oni uzadas la pliaĵon de la forto. La ŝakmortigo estus malbela, se la kampoj ĉirkaŭ la nigra reĝo estus multfoje atakataj per la superrestaj blankaj pecoj en la ĉefa ludo. La ŝakmortigo estetika devas esti pura kaj ekonomika. La pura ŝakmortigo ekzistas se la kampo ĉirkaŭ la nigra reĝo estas atakata *nur* per unu blanka peco, aŭ barita per la nigra peco. La ŝakmortigo estas ekonomika, se kunagas la tuta blanka pecaro escepte la reĝo aŭ la soldatoj, al kiuj pardonas la ŝaka estetiko, ke ili ne partoprenas en la atako. La XVIII-a problemo estas bela ekzemplo de la pura kaj ekonomika ĉefa ludo.

ERARETOJ. — En l' artikolo pri la ŝakproblemo, N-o 42, p. 63, anstataŭ B T-oj C3, C8 devas esti C3, E8.
En la ludo XVI-a devas esti : 18. Ĉ — 2D (anstataŭ 2K).

*Le Directeur-Gérant,* EM. PELTIER.

Presejo de *Espero Katolika.* Sainte-Radegonde (I.-et-L.), FRANCE

REVUE DU CLERGÉ FRANÇAIS (*Revuo de Franca Pastraro*). — Redaktoro : Pastro J. Bricout, 17, rue Fénelon. Administracio : Librejo Letouzey et Ané, 76 *bis*, rue des Saints-Pères, Paris. Jarabono, 23 fr. (En Francl. 20 fr.). 110 paĝoj duonmonate. Revuo tre progresema pri studoj pastraj. En ĝi kunlaboras la plej kleraj pastroj francaj.

L'ACTION FRANCISCAINE (*Franciskana Agado*).— Monata organo de Franciskanaj Asocioj. Bonega Franca revuo 32-paĝa. Pritraktas socialajn demandojn. — Abono jara : 7 fr. (6 fr. en Francl.). Admistr. 117, Bd Raspail, Paris. - 6e.

LES LANGUES VIVANTES (La *Vivaj Lingvoj*), Angla, Germana, Itala, Hispana, Franca kaj **Esperanta**. Ilustrita Revuo duonmonata. — Eldonita de la firmo Bloud, 4, rue Madame, Paris, ĉe kiu oni devas peti specimenon.

| **Abonoj :** | PLENA REVUO | 3 LINGVOJ | 2 LINGVOJ | 1 LINGVO |
|---|---|---|---|---|
| Francl. | 7 fr. 50 | 6 fr. | 4 fr. 50 | 3 fr. |
| Ekster Fr. | 9 fr. 50 | 7 fr. | 5 fr. 50 | 4 fr. |

LA REVUO. — Internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de D-o ZAMENHOF.—Ĉe Hachette kaj Ko, Paris. — Jare, Francujo Fr. 6 ; ceteraj landoj Fr. 7 fr.

LINGVO INTERNACIA, centra organo de la Esperantistoj, 48 paĝoj (13 × 20 cm.), nur en Esperanto. Literatura aldono, 16 paĝoj. Jara abono : 7 fr. 50 (3 sm.). Administracio Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.

ESPERO PACIFISTA, monata organo de la *Societo por la Paco*. — Abono, 5 fr. kun aliĝo al la Societo kaj ricevo de la aldonoj.

S-o Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (Francujo).

TRA LA MONDO, tutmonda multilustrita revuo esperanta, — Nuntempaĵoj ; artoj, literaturo, scienco ; komerco ; industrio ; militistaro, maristaro ; teatro, sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj ; konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Jare 8 fr.; kvaronjare 2 fr. 25. — Turnu vin 15, boulevard des Deux-Gares, Meudon (S.-et-M.), France, aŭ al la Direktoro de E. K.

Abono sen pluaj elspezoj en francaj poŝtoficejoj.

KOLEKTISTOJ : S-o VARJU Endre, Budapest, IV, Kygio U-E 62, em, 14, kolektas kaj interŝanĝas uzitajn poŝtm.

ANNALES APOSTOLIQUES DES PP. DU SAINT-ESPRIT (*Analoj Apostolaj de PP. de S-a Spirito*), 30, rue Lhomond, Paris. Jare 3 fr. 50, en Francl. 3 fr.

# KATALOGO DE ESPERO KATOLIKA

**Katolika Preĝaro,** 1-a volumo, 180 p., kun *Imprimatur* de M-ro Renou, 'Ĉefepiskopo de Tours . . 2 fr. 50
**Kato kun botoj**, luksa eldono. 6 ilustraĵoj. 0 fr. 50
**Cindrulino**, el sama kolekto. 6 ilustr. 0 fr. 50
*La du verkoj kune mendataj* . . 0 fr. 75
**La Katolikaj Esperantistoj ĉe la 2-a Kongreso** de Esperanto en 'Genevo (1906). Plena raporto kun la prediko de P-o Em. Peltier . . . . . . . 0 fr. 15
**Hebrea Kalendaro**, originale verkita de Pastro Jakobo Bianchini (Italo), kun *Imprimatur* de M-o Renou, 'Ĉefepiskopo de Tours . . . . 0 fr. 20
**Patro Nia**, ĥoro por soprano, aldo, tenoro kaj baso, dediĉita al la *Tria Kongreso* kaj kantita dum la meso por Katolikoj en Cambridge. Teksto kaj kompono de Johano Gothardo (154-a verko); 6 paĝoj da muziko. Aĉetebla pogrande *nur* ĉe *Espero Katolika*. Prezo : 60 Sd., 1 M. 25. 1 fr. 50
**Pri unu speco de kurbaj linioj, koncernantaj la V-an Eŭklidan postulaton.** Verkis Profesoro Dombrovski (2-a eldono). . . . . . . . 0 fr. 65
**Pri novaj trigonometriaj sistemoj.** Originale verkis Prof. Dombrovski . . 1 fr. 80
Aĉeteblaj *po-grande* nur ĉe *E. K.*
*KATOLIKAJ KUNVENOJ DUM LA TRIA KONGRESO* en Cambridge (1907) 0 fr. 25
**PER TELEFONO**, sceneto de Jacques Freneuze; kun permeso de l' aŭtoro tradukis Josée Guivy. 0 fr. 15

## PLENA KOLEKTO DE ESPERO KATOLIKA

1-a SERIO : 1-a j., — 2-a j., kaj 5 n-oj de la 3-a jaro). 'Ĉiu jaro : 2 fr. (dek kajeroj da 88 paĝ.). Duono de la 3-a jaro (ĝis marto 1906) 1 fr. — (La *kolekto ĝis marto 1906 5 fr. afrankite*).

2-a SERIO : Duono de la 3-a jaro (de marto 1906 ĝis oktobro 1906) — 4-a jaro (de oktobro 1906 ĝis oktobro 1907) 7 fr. 50 (En Francl. 6 fr.)

## KATOLIKA PREĜARO

EN KIU TROVIĜAS 'ĈIUJ DIMANĈAJ DISERVOJ

KAJ

LA PLIMULTO DE LA FESTOJ DE L' JARO

*Latine kaj Esperante*

Aprobita de Lia Alta Moŝto M-o RENOU

*'Ĉefepiskopo de Tours (France)*

1-a volumo.— Prezo : 2 fr.50 (1 Sm.).; bindita : 3 fr.10 (1 Sm.20)

Presita per literoj signitaj el la firmo ALLAINGUILLAUME & C^ie, fandistoj
21, rue Montparnasse, Paris